# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: MARTIN, ČSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO • DECEMBRO 1951 • NUMERO 12

## Enhavo:



## Informoj de SES:

*Korekto.* Sur la dua kovrila paĝo de n-ro 11, en „Kanto de laboro" (dua strofo), korektu jene: ...Batalas ĉiam kun sukces' Eĉ kontraŭ malfavor'...

*D-ro Aŭgusto Pitlík,* direktoro de niaj Esperanto-Kolegioj en Doksy kaj Svit, en jaro 1952 festos la 50-an datrevenon de sia esperantistiĝo. Okaze de ĉi tiu rara jubileo ni deziras al nia pioniro plenajn sanon kaj sukceson en lia meritplena laboro por- kaj peresperanta.

*La fotobildon de D-ro L. L. Zamenhof,* aperigitan en la 12-a n-ro, afable pruntedonis s. D-ro Aŭg. Pitlík.

*Máte už Tvarožkovu učebnicu?* „Esperanto v 14. úlohách" vyšlo v III. opravenom vydaní. Objednať možno u Slov. esperant. ústavu v Martine za Kčs 30.— i s poštovným.

*Veľkú učebnicu esperanta od J. V. Dolinského* možno objednať za Kčs 65.— (okrem poštovného) u Slovakotouru v Trenčíne.

### Tlačová podpora

K. Lukáč, Prešov 37.—; J. Kožár, Mučeníky 35.—; V. Trojan, Začléř 100.—; I. Novák, Bratislava 50.—; V. Sládeček, Karviná 100.—; J. Olexa, Poprad 40.—; J. Macner, Liberec 30.—; J. Horník, Dolní Měcholupy 65.—; J. Faltýnková, Val. Meziřičí 100.—; M. Valešová, Č. Dub 100.—; A. Ozábalová, Trnava 40.—; S. Koch, Vranov 25.—; A. Bednárová, Poprad 40.—; J. Hlinovský, Rokycany 20.—; E. Mann, Strakonice 50.—; V. Trojan, Zacléř 85.—; J. Smola, Dobruška 30.—; M. Jakúbková, Bratislava 50.—; J. Líčka, Karlovy Vary 30.—; D. Dobrovodsky, Bratislava 50.—; Dr. Fr. Mester, Spišské Podhradie 100—; P. Trebula, Zvolen 30.—; A. Kubala, Ostrava-Zábřeh 25.—; A. Šterbáková, Svit 27.—; A. Ilavská, Dolný Kubín 50.—; F. Neupauer, Bratislava 50.—; J. Marečková, Holič 100.—; A. Pribela, Šoporňa 20.—; J. Faltýnková, V. Meziříčí 100.—; J. Kromholc, Bratislava 20.—; L. Plavec, Hříměždice 30.—; Dr. Č. Gojný, Brno 20.—; A. Krajčíková, Nitra 100.—; J. Romanovský, Topoľčany 50.—; L. Hanzel, Mošovce 100.—; M. Rybín, Partizánska Ľupča 35.—; Š. Myjavský, Krajné 20.—; M. Drápal, Olomouc 80.—; Kroužek esperantistů v Doksech 200.—; L. Staroň, Harichovce 20.—; Jan Ev. Slávek, Praha 15.—; Fr. Svačina, Lanžhot 20.—.

ESPERANTISTO SLOVAKA (adresa: Martin. ČSR-Slovensko), časopis Slov. esperantského ústavu, vychádza mesačne. — Zakladateľ A. Váňa. — Redigujú: E. V. Tvarožek a vedúci redakcie MUDr. Ľ. Izák. — Členom SES zadarmo. Členovský príspevok 100 Kčs platné povolilo. Riad. pôšt číslom 22.857-I.-1948., — Dozorný a podací pošt. úrad Martin. — Výmer PIO č. 21.098/51-II/3-394/A.

ESPERANTISTO SLOVAKA (adreso: MARTIN, ČSR-Slovakujo), gazeto de Slovaka Esperanto-Instituto, aperas monate. — Fondinto A. Váňa. — Redaktas E. V. Tvarožek kaj la gvidanto de la redakcio: D-ro Ludoviko Izák.

Tlačiareň — Presejo: Severoslovenské tlačiarne, n. p., zákl. závod, Martin.
Výmer PIO č. 21.098/51-II/3-394/A.

---

J. V. Dolinský:

## Du verboj.

Niaj prilingvaj artikoloj ofte instigas la leganton aprobi la pritraktitan temon en letero adresita al la Redakcio, foje eĉ esprimi sammaniere sian malaprobon koncerne iun punkton de artikolo. Tiu ĉi bona kutimo, cetere ne unika en Esperantujo, estas laŭdinda kaj dezirinda, ĉar instiga por la aŭtoro.

Ni esperas, ke eĉ ĉi ne restos sen respondo flanke de tiuj, kiujn ĝi koncernas.

En tiu ĉi artikolo ni pritraktos temon, kiu koncernas pleje niajn ĉeĥajn samidanojn, ĉar ili estas preskaŭ la solaj pekantoj kontraŭ ĝi. Ni emfazas *preskaŭ*, ĉar ili havas kelke da imitantoj ankaŭ en la vicoj de Slovakoj.

Oni diras: „*Mi fumas cigaron*" kaj „*La cigaro fumas*". Ambaŭ propozicioj estas korektaj, ĝustaj, ĉar la verbo „fumi" — unusola en Esperanto — havas ian „amfibian" karakteron. En la unua propozicio ĝi estas *transitiva* (transira), kies ago, farata de subjekto „mi", celas objekton: „cigaron". En la dua propozicio „fumas" estas verbo *netransitiva*, kies ago ne celas objekton, sed restas ĉe la subjekto „cigaro". Similkarakteraj verboj troviĝas, ja tre sporade, ankaŭ en la naturaj lingvoj. Tia estas ekzemple en la slovaka la verbo „voňať", kiu estas en la buŝo de simpluloj ekvivalento de la Esperantaj: *odori* kaj *flari*. Oni diras slovake: „Ruža vonia" kaj „Voniam ružu" — en laŭvorta traduko: La rozo odoras kaj Mi odoras la rozon.

Sed oni ne povas sammaniere uzi iun ajn verbon. Estus kontraŭ la Fundamento, se en la lingvo enradikiĝus formoj kiel: „La barelo rulas" — en la senco, ke ĝi — la barelo — ŝajne de si mem faras rulajn movojn — aŭ „La viando fritas" — en la senco, ke ĝia kruda substanco sub la efiko de varmego ŝanĝiĝas je manĝaĵo, ktp.

Kaj tamen niaj ĉeĥaj samideanoj sub la influo de la gepatra lingvo, eĉ, kiel ni jam supre menciis, kelkaj Slovakoj-sub la influo de siaj iamaj instruistoj ĉeĥaj, kiuj, instruante siatempe en la slovakaj mez — kaj faklernejoj, subkonscie aŭ konscie transplantadis certajn ĉeĥismojn en la slovakan — uzas *netransitive* du transitivajn verbojn ne nur en la gepatra lingvo, sed ankaŭ en Esperanto. Tiuj ĉi du verboj estas: *komenci* kaj *fini*.

Parolante aŭ tradukante el la ĉeĥa, ili diras: „*Li komencas la teatraĵon*" kaj „*La teatraĵo komencas*", samtiel: „*Ili finas la koncerton*" kaj „*La koncerto finas*". Nek „komencas" nek „finas" estas verboj „amfibiaj", sekve oni ne darfas ilin uzi kaj transitive kaj netransitive kiel la Esperantan „fumi" aŭ la slovakan „voňať"!

# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: Martin, ČSR-Slovakio

VI-a JARKOLEKTO 1951

Redaktis:
E. V. Tvarožek kaj D-ro Ludoviko Izák

Eldonis: Slovaka Esperanto-Instituto, Martin
Presis: Stredoslovenské tlačiarne n. p., z. z., Martin

# ESPERANTISTO SLOVAKA

Redakcio kaj administracio: M A R T I N, ČSR-Slovakujo

VI-a JARKOLEKTO  DECEMBRO 1951  NUMERO 12

D-ro Ludoviko Lazaro Zamenhof (1859—1917), kreinto de Esperanto

# Ni dankas

*Nia modesta gazeto Esperantisto Slovaka finas per tiu ĉi kajero sian sesan jarkolekton. Dum ses jaroj ĝi pli-malpli regule venadis en la manojn de la fidela legantaro. La malhelpoj, kiuj ne malofte baris ĝian vivovojon, estis de plej diversa karaktero: foje ĝi estis monmanko, alian fojon kaŭzoj teknikaj (presejo, okupiteco de la redaktantoj, farantaj la gazeton en sia libera tempo, kaj aliaj), sed ĉiam — dank' al la fidela kaj samideana helpo kaj interhelpo de nia en- kaj eksterlanda samideanaro — ni sukcesis venki la malfacilaĵojn kaj ĝis nun vivteni la gazeton, klopodante samtempe teni ĝian enhavon, lingvon kaj aspekton sur laŭeble alta nivelo. Dank' al tiuj ĉi niaj klopodoj Esperantisto Slovaka estis konsiderata leginda gazeto, ja kelkfoje ĝi eĉ ricevis la flatan epiteton „unu el la plej interesaj gazetoj en Esperantujo".*

*Tiuj ĉi kaj similaj laŭdoj ĝojigadis nin. Ili estis la sola rekompenco al ni, kiuj redaktis la gazeton, kaj samtempe ili estis por ni instigiloj. Ni sukcesis arigi ĉirkaŭ la gazeto estimindan nombron de bonaj kaj fidelaj kunlaborantoj en- kaj eĉ eksterlandaj; iliaj kunlaboro kaj kritiko estis por ni fonto de ĝojo kaj morala forto, sed tamen ĉiam nin pleje ĝojigis, se la legantoj okaze de malfruiĝo de iu kajero vigle reklamaciis kaj postulis ĝian aperon: tio ja pruvis, ke la gazeto estis legata kaj ke ĝi mankas al la legantoj, fariĝinte ilia nemalhavebla amiko. Eĉ akran kritikon ni ŝatis, ne nur laŭdojn — ĉar ĝi denove kaj denove pruvadis, kun kia atento Esperantisto Slovaka estas legata.*

*Per tiu ĉi kajero Esperantisto Slovaka finas sian ekziston. Post sesjara venkado de malfacilaĵoj ĝi fine renkontis baron nevenkeblan per personaj oferoj aŭ per manieroj, kiuj sufiĉis ĝis nun: Slovaka Esperanto-Instituto kiel eldonanto ne ricevis por 1952 la bezonan kvanton da papero.*

*La ĉesigo de la aperado de Esperantisto Slovaka estas granda perdo por la slovakia kaj ĉeĥoslovakia movado — tiom pli, ke pro la sama kialo ankaŭ la frata gazeto de EAČSR Esperantista ĉesas aperadi. Tamen — ni ne volas uzi tiun ĉi fakton por plendado. Sen memlaŭdo ni povas konstati, ke Esperantisto Slovaka eĉ dum sia mallonga vivo sukcesis fosi sian sulkon kaj ke la semoj, metitaj en ĝin fare de niaj nelacigeblaj semantoj konstante semantaj, ne perdiĝis, sed bone prosperis.*

*Ni dankas kore kaj sincere al ĉiuj, kiuj iel ajn helpis al nia gazeto: al ĉiu, kiu helpis per agopreta mano ĉe ĝia preparado, enpakado kaj dissendado; al ĉiuj gesamideanoj, kiuj iam kontribuis al ĝi per verkaĵoj; al ĉiuj propagandistoj, kiuj tiel fervore kaj kun amo propagandis ĝin en nia verda familio; al ĉiu, kiu finance kaj morale subtenis ĝin, precipe en la periodoj de krizo, kiam ni elsendadis alvokojn pri helpo; al ĉiuj sendintoj de kritikaj, instigaj kaj kuraĝigaj leteroj; al ĉiuj frataj gazetoj en eksterlando, kiuj iam represis tekstojn el ĝi kaj tiel kontribuis al disvastigado de scio pri nia lando; al ĉiuj, kiuj pere de nia gazeto lernis sincere koni kaj ami Ĉeĥoslovakion, ĝiajn popolon kaj kulturon; kaj fine ĉiujn fidelajn abonantojn, kiuj plenumante siajn devojn kontraŭ ĝi, estis la bazo de ĝia ekzistado. Kaj ni dankas ankaŭ al la tipografoj, kiuj ĝin presadis, speciale*

*al la kompostistoj, kiuj — havante je dispono entute 16 litermatricojn kaj ne sciante Esperanton, tamen klopodis klare komposti ĝiajn tekstojn. Jes, vere: rigardante malantaŭen, ni iel emas forgesi la malagrablaĵojn kaj en niaj koroj restis loko nur por danko.*

*Do nialanda kaj tutmonda Esperanto-movado perdas batalanton por nia komuna afero; ni sincere deziras, ke ankaŭ sen ĝia kunhelpo la fina venko estu atingita.*

*Al ĉiuj niaj legantoj ni varme rekomendas: laboru aktive en la movado, daŭrigu vian bonan laboron! „Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas — ni semu kaj semu konstante!“*

*La redaktintoj.*

*Eli Urbanová*

# Jakto

Antaŭen jakto nia celas,
favora vent‘ ĝin pelas,
jen, alten ŝvelas blanka vel'
al la ĉiel', al la ĉiel'.

Facile ĝi sur akvo glitas,
amike ĝin invitas
la rozkolora horizont'
post blua ond', post blua ond'.

Rapidas ĝi sur marnivelo
laŭ sunradia relo
renkonte al la aventur'
sub la lazur', sub la lazur'.

Vespere nia jakt' revenos,
sin al la bord' alpremos
kaj dormos kiel etinfan'
en verda kan', en verda kan'.

Ĝin zorgos kun stelaro
la luno super maro
kaj lulos ĝin per sorĉa lir'
dum nokt' Zefir', dum nokt' Zefir'.

*Št. R. Seemann*

# *Al la Suno*

*Post longa vintro sen-sun-brila*
*Alvenis la printemp' bird-trila,*
*Denove brilas Vi sur teron,*
*Vekante novan viv-esperon.*

*Varmeco via familia*
*Donaco estas nepre via,*
*Neniam estu malavara*
*Planedo Vi, por ni plej kara!*

*Varmigu daŭre nin radioj,*
*Ardantaj viaj lumo-strioj.*
*Vin rekompencu ĝemo pia:*
*„Dankegon al vi, Suno nia!“*

*Peter Karvaš*

# La rideto

Estis vere nur malgrandega espero, ke ni atingos la germanan skiistan patrolon ankoraŭ en Kľačany aŭ Dúbrava. Tamen, ni ne havis alian elekton: ni devis ataki pro malsato kaj malvarmo kaj ĉar la senfina atendado tie supre estis ne plu tolerebla. Se ni ne estus trovintaj ilin en la korto de la lernejo, ni certe estus penetrintaj ĝis Ľupča. Jam dum dudek kvar tagoj la niaj ne estis alflugintaj; unu foje ili alflugis, sed ne trovis nin pro malbona vetero.

La tuta atako daŭris nur kelkajn minutojn. Post ĝi ni trakontrolis la domojn, kunpakis la nutraĵprovizojn, kunprenis la kaptiton por povi demandekzameni lin. Nun ni estis revenantaj al Železnô. Ni renkontadis veturigistojn, kiuj estis veturigantaj lignon al Hrádok. Tage oni riparis la pontojn, poste oni venis anonci, ke ili estas riparitaj, kaj nokte ni malkonstruis ilin. Ni enlasadis la veturigistojn en la valon, ĉar la Germanoj supozis, ke en la lokoj, kien iradas veturigistoj, ne estas partizanoj. La veturigistoj miris, ke ni kondukas kun ni kaptiton.

Dum ni marŝis sur la frostita neĝo, li alridetis min.

Se Germano en tia situacio alridetas vin, estas malfacile trovi la ĝustan signifon de tiu rideto. Mi memoris du ridetojn de Germanoj, batalantaj en tiu ĉi regiono. La unua estis la rideto de la kaporalo, kiam mi estis kaptita ĉe Štubňa, la dua estis la rideto de la gardosoldato, kiam mi kursaviĝis el la stacio de Ružomberok. Nek tiu viveca rideto, malica kaj malvarma kiel soda akvo, nek tiu morteca, surprizoplena kaj riproĉa rideto similis al la rideto de tiu ĉi kaptito. Nur nun mi rimarkis, ke li estas sen jako, en griza svetro, havas grandegajn manojn, sen gantoj, kun haŭto ruĝa pro malvarmo. Mi pensis, ke eble ĝi eĉ ne estis rideto, sed nur konvulsio, ĉar la vento fortege blovis kaj la neĝo falis maldense. Li almenaŭ estos pli ema paroli, mi pensis.

„Nun mortpafos min vi," diris li subite germanligve. „Bonhumoriga afero."

Li kondutis negermanece. Estis neĝoŝtormo kaj li ridetis. Ni jam estis alproksimiĝantaj al niaj en-teraj loĝejoj, kaj la gardosoldato kriis: — „Signalvorton!" — „Libereco!" — „Stalingrad!" Kaj rigardante la kaptiton, por kiu estas bonhumoriga afero ke ni mortpafos lin, mi subite ekmemoris pri la momento, kiam mi estis saltinta desur la baril-muro

en la lernejan korton kaj komencis pafi. Kiel povis okazi, ke tiu ĉi ulo restis viva, — li ja staris tute proksime apud la muro?

Mi tuj ekkomprenis. Kontraŭ kiun celpafas soldato unue? Kontraŭ la armitoj. Kaj ĉiuj en la korto estis armitaj. Nur tiu ĉi staris ĉe la muro, sen kasko, sen jako, kun grandaj manoj, morditaj de frosto.

Ni demandekzamenis lin longe. Li rakontis detalvaste; estante informisto, li sciis diversaĵojn. Strange, ke eĉ tiam, kiam temas pri vivo kaj morto, oni sentas ian parencecon kun kolego. Mi ne aŭskultis, kion li diris. Mi pensis pri tio, ke la liaj lin elkondukis sur la korton kaj starigis apud la muron. Li parolis malrapide, eble tial, ĉar li volis gajni tempon por varmigi sin. Liaj ruĝaj manoj komencis ŝveliĝi. Finfine mi ekrimarkis, ke li rigardas min. Ne estis ĉe ni kutimo babili kun kaptitaj malamikoj.

Mi eliris kun la komisaro en la sekan neĝoŝtormon. „Ĉu ci scias, ke ili volis lin mortpafi?" — mi demandis lin.

„Mi scias, mi vidis." — Li rigardis min dum momento. Li evidente atendis, ke mi ion diru, do mi diris: — „Tio estas bonhumoriga afero."

„Kion ci volas?" — li demandis. — „Gardadi lin, nutradi? Kial, nur kiel specimenon?"

Mi ne povis pensi pri alio ol pri la lernejo en Liptovská Dúbrava, en kiu estis enhejmiĝinta germana soldato, kiu jam la sepan jaron surhavas la uniformon, sep jarojn jam mortpafadas homojn, kiuj volis vivi en paco, sep jarojn malamas, anstataŭ matenmanĝi li malamas, anstataŭ vesrpermanĝi, anstataŭ gedormi kun sia amatino, anstataŭ ĉio li malamas, kaj subite li vekiĝas en tiu ĉi montara vilaĝeto, malproksimege de Karlsruhe, kie li estis lignoskulptisto aŭ instruisto de stenografio, kaj subite li ekkonscias pri tio, ke ĉio ĉi estas terurega stultegaĵo, ĉar oni ja ne povas malami ĉiujn homojn kaj estas necese rilati kun ili eble eĉ alimaniere ol nur pafi kontraŭ ilin. Kaj fine, eĉ se malfrue, tiu ĉi soldato vidas, ke li estas trompita, ke li senfine batalas en perdita batalo, ke li foje devos respondeci pri tio, kion li detruis, ke ne estas eble venki la tutan mondon, ke — finfine — al la mondo estas necese fari ankaŭ ion alian ol ĝin nur senĉese venkadi. Kaj tiun ĉi germanan soldaton, kiu perdis sian sinregadon, tiun ĉi frenezulon, defetiston oni denove elkondukos en la korton kaj rapide mortpafos.

La komisaro diris: kiel specimenon. Eble, kiel specimenon. Ĉar ankaŭ tiu ĉi milito finiĝos, kaj ĉu ankaŭ ni estu tiam egalaj kun la jenaj?

„Ĉesis neĝi,“ — diris la komisaro. — „Ili venos, sekvante niajn postsignojn kaj atakos nin.“ Mi frotis la frostvundojn de la Germano. Li atendis, kion ni faros al li. Ni faris al li nenion.

Sed kiam venis la Germanaj skiistoj, blankaj, vestitaj en peltaĵoj, nombrega patrolo, al mi ŝajnis, ke ili venas ne kontraŭ nin, sed kontraŭ lin. Ni pafadis kontraŭ ilin el kaŝejo.

Sed kiam venis la germanaj skiitoj, blankaj, vestitaj en peltaĵoj, koncentris la tutan pafadon kontraŭ lin.

Ili ne volis lasi homojn kiel specimenon, por la tempoj, kiam ni ne plu malamos anstataŭ matenmanĝi. Sed mi scias, ke iuj tamen restos.

Ni persekutis ilin ĝis Kľačany. La Germanoj havis proksimume dudek mortintojn, ni tiun unusolan. Vespere la ponto estis denove riparita. Mi kaj kvin aliaj viroj, ni ekiris malsupren al la ŝoseo.

El la libro „Kun ni kaj kontraŭ nin“
tradukis EVT.

*P. P. Zgúth-Vrbický*

# Se la kor' malsanas...

Trankvile.

Se la kor' mal-sa-nas, pe-zas la a-ma-ro,
mi el-i-ras ves-pe-ri-ĝe ver-da al ar-ba-ro.

2. La printemp-odoron
l' arboj spir-nuancas
kaj sur branĉo kukoleto
gaje sin balancas —
kaj sur branĉo kukoleto
gaje sin balancas.

3. La voĉ' kukoleta
dolĉe, ha torentas
kaj en koro dolorega
mi konsolon sentas —
kaj en koro dolorega
mi konsolon sentas.

Tradukis *J. V. Dolinský*

LETERO EL SVEDLANDO

*Köping, la 21-an de aprilo 1952.*

*Al Esperantisto Slovaka, Martin*

Unue mi devas danki por la bonege redaktata gazeto, kiu via revuo estas. Mi ricevadis ĝin dum la jaro 1951 dank' al mia korespondamiko Bedřich Dzik. La enhavo min ĉiam interesas, precipe la lingvaj artikoloj. Per „Kurz esperantského dopisovania“ mi ankaŭ povis lerni iom da slovaka lingvo, kaj la „Gramatika Ripetaĵaro“ estis tre valora por mi en mia studo de Esperanto.

Fine mi deziras al vi bonan daŭrigon en via eldonado de tiu pleninteresa gazeto, kiu ĝustamaniere montras la ecojn de vera esperantismo kaj pacamo, kaj kiu konservas la verajn Zamenhofajn principojn, kaj esprimas ĉion ĉi en la amata internacia ligvo, en via gazeto brile uzita, kaj — espereble — ankaŭ uzota!

Kun samideana saluto

Lars Jonhanson

LIST ZO ŠVÉDSKA

Köping, 21. apríla 1952.

*Al Esperantisto Slovaka, Martin*

Predovšetkým sa Vám musím poďakovať za Váš výborne redigovaný časopis. Roku 1951 som ho dostával vďaka svojmu priateľovi Bedřichovi Dzikovi, s ktorým si píšem. Obsah časopisu ma vždy zaujíma, najmä články o jazykových otázkach. Pomocou „Kurzu esperantského dopisovania“ som sa naučil aj trocha slovensky a „Gramatika Ripetaĵaro“ mi bolo veľmi cenné pri štúdiu esperanta.

Končím so želaním, aby ste i naďalej mohli nehatene vydávať svoj veľmi zaujímavý časopis, v ktorom sa jasne zrkadlia vlastnosti pravého esperantizmu a mierumilovnosti, ktorý zachováva zamenhofovské idey a všetko vyjadruje v milovanom medzinárodnom jazyku, vo Vašom časopise doteraz — a dúfajme, že i v budúcnosti — skvele užívanom.

So samideánskym pozdravom

Lars Johanson

*Št. S.*

# *Adiaŭa saluto*

*de la Redakcio kaj Administracio de E. S.*

*Adiaŭ, karaj abonantoj!*
*La lasta estas ĉi numer'.*
*Adiaŭ, karaj gelegantoj*
*En ĉiu, laŭdistanca sfer'.*

*Funebras nia la humoro,*
*Sur la vizaĝ' mortis la rid',*
*Sed tamen esperĝem' en koro*
*Mallaŭte sonas: „Ĝis revid'!“*

S-ano *Ján Valaštan-Dolinský*, nia pioniro, fariĝos en 1952 sesdek-jara. Tamen, estante instruisto kaj espeperantisto, lia koro restis juna. Tion pruvas lia poezio, el kiu ni jen aperigas kelkajn specimenojn.

## *AMKANTETO*

*Koro mia*
*amebria*
*kiso-vinon*
*amatinan*
*floras kante,*
*prikantante.*

*Di-nektaro*
*en komparo —*
*aĉa trinko!*
*(Vi ja miras,*
*sed mi diras*
*pro konvinko!)*

*La buŝeto*
*ŝia eta:*
*vinpokalo!*
*Ĝia kanto?*
*— de kantanta*
*najtingalo!*

*La rigardo:*
*fajra ardo*
*en obskuro!**)*
*Vanga kavo?*
*— dolĉa ravo,*
*aĥ, plezuro!*

*Kaj je fino —*
*ŝia sino*
*alabastra! . . .*
*Ja sabate*
*(akurate)*
*nin kunligos*
*beno pastra! . . .*

## *MIA KNABIN'*

*Jen aŭdu:*
*Alaŭdo trilas en aer' —*
*ja regas ĉarma Primaver'!*
*Mi sola marŝas al herbej'*
*kun kant' surlipe: Heja, hej!*

*Aere ŝvebas mia kant'*
*pri knabineto-diamant'*
*„vespere kiu sur benket'*
*atendos min en ĝardenet"*
*kaj kies dolĉa lipotuŝ',*
*ravege ĉarma vangoruĝ',*
*hararo — (ora ja sukcen'!)*
*min tenas dolĉa en katen' . . .*

*Mi pensas:*

*Pro kio kreis bona Di'*
*knabinon dolĉan kun radi'*
*de ardo blua en rigard'*
*(Aĥ, rare ĉarma dia art'!) —*
*kun kis-al'oga vangkavet',*
*arĝentosona voĉridet'!?*
*Ho, diru al mi, diru nur*
*— se tion scias vi — je ĵur'!*

*Aŭskultu:*

*L'alaŭd' plu kantas en aer' —*
*Mi ĝin aŭskultas. La river'*
*kunkantas kanton pri Ŝi nur,*
*aĥ, ĝojo, ravo, aĥ, plezur'! . . .*
*Alaŭd-kantisto,*
*kantu nur*
*el tuta via koropur'!*
*Al mia kantu fianĉin',*
*ke mi amegas ŝin, — nur ŝin!*

---

*) mallumo.

## NE DIRU

(Rondelo)

*Ne diru, ke mi vin ne amas,*
*ke trompa estis mia arda am'!*
*Malveron flustras al vi ĉiu fam',*
*per kiu l' koron vi balzamas.*

*Kor' mia eĉ nun por vi flamas . . .*
*(Ĝi viajuĝe: vanas nur deklam'.)*
*Ne diru, ke mi vin ne amas,*
*ke trompa estis mia arda am'!*

*Mi vivon mian plu ornamas*
*per via kara bild', madame,*
*kaj kant' en mieldolĉa gam' —*
*Ĉi kant' kaj bild' — valore samas.*
*Ne diru, ke mi vin ne amas! . . .*

## AMO

(Rispeto)

*Vi amas min, sed tion vi ja kaŝas,*
*eĉ mi vin amas — puras eĉ ĉi ver'! —*
*Senvorte tamen vi min preterpaŝas*
*sur strat' senhoma — kaj malsincer'!*

*Ja amo estas ruĝa vin-amforo,*
*de kiu ebriiĝis mia koro.*

*Ho, montru, kara, vian amon al mi,*
*ke mi ĝin povu prave pie psalmi! . .*

## SE MORTOS MI . . .

*Se mortos mi,*
*Ne ploru pro mi, fratoj,*
*eĉ ne malĝoju pro forpaso mia!*
*Ja cikatriĝos tiam vundoj de sortbatoj*
*en mia koro amebria.*

*Se mortos mi,*
*Forpasos nur hom' ordinara,*
*kiu per pura amo malavara*
*tre amis kantojn, homojn la honestajn,*
*majestajn agojn, belojn ĉie-estajn —*
*per ĉiu sia nervo*
*la griziĝintojn en labor' kaj servo*
*al justo, juro, vero, al homfrato*
*laŭ la destin' de l' fato.*

*Se mortos mi,*
*Min enterigu en la valo,*
*somere kie en kvieta nokto*
*sopirebrie kantas najtingalo*
*kaj murmuretas rivereto rapidflua,*
*sub firmamento miozote-blua*
*koncertas multekantaj birdoj,*
*sursidas florojn ĉastajn en ĝuemaj flirtoj*
*amtrudiĝema papilio,*
*kaj dum maten' rosdiamanta en-aere*
*zefir' muzikas per la branĉoj primavere[1])*
*tra l' riĉe-bunta[2]) val' silenta*
*en luna lum' arĝenta! . . .*

*Se mortos mi,*
*Ho, venu al tomb' mia, fratoj,*
*kun arda amkanto*
*surlipe ja sen flatoj —*
*(Ĝi estas la plejbelo en kor' mia!)*
*kaj kantu pri l' kunvivad' homara harmonia,*
*eĉ forpasema monda vanto!*
*(Ho, kiom kantis mi al amikar' orkora*
*dum mia vivo, vivo eble fuŝa, senvalora!)*
*Mi vin aŭskultos mute ja, kun ama kor' poeta,*
*kuŝante post vivlaco*
*en dolĉa, jam finsopirita paco —*
*en tomb' kvieta . . .*

---

[1]) en printempo, [2]) bunta — multkolora

# Gramatika ripetaĵaro

(Daŭrigo el n-ro 10 kaj fino.)

28. *Kiuj estas la akcesoraj frazelementoj?* Ili estas: *La epiteto, suplemento, objekto* kaj *adjekto.*

29. *Kia frazelemento estas la epiteto?* Ĝi estas *akcesora frazelemento,* kiu karakterizas substantivon kaj akordiĝas kun ĝi kaze kaj nombre — fera volo, dolĉaj sonĝoj, blankan ĉevalon, ktp.

Ĝi estas plej ofte *adjektivo,* sed povas esti ankaŭ *substantivo* — poeto Hviezdoslav, rivero Hron, ktp.

30. *Kio estas komplemento?* Ĝi estas komuna nomo por la akcesoraj frazelementoj. *Rekta komplemento* = rekta objekto aŭ rekta adjekto, *nerekta komplemento* = nerekta objekto aŭ nerekta adspekto. La adjektojn ani ankoraŭ nomas: *komplementoj cirkonstancaj.*

31. *Kial oni nomas la adjektojn cirkonstancaj komplementoj?* Ĉar ili indikas diversajn cirkonstancojn de la ago, esprimita per la predikata verbo, nome: *lokon, tempon, manieron, kaŭzon,* ktp.

32. *Kion vi scias pri la participa predikativo ĉe la verboj de sensa perceptado?* Ĉe verboj: *aŭdi, senti, vidi,* k. s. ĝi *ne* akordiĝas kaze kun la rekta objekto — Li vidis la *infanon ludanta* en la korto. Ŝi sentis *sin falanta* en la abismon, ktp.

Oni ĝin povas anstataŭi per infinitivo — Li vidis la *infanon ludi* en la korto. Ŝi sentis *sin fali* en la abismon, ktp.

33. *Ekspliku la sekvantajn propoziciojn!*

a) Paŭlo pentris sidantan hundon.

b) Paŭlo pentris la hundon sidante.

c) Paŭlo pentris la hundon sidanta.

*En la a-propozicio:* la pentrata hundo sidis dum pentrado, *en la b-propozicio:* Paŭlo sidis dum pentrado kaj *en la c-propozicio:* la hundo estis pentrita sur la bildo en sida pozicio.

34. *Kion vi scias pri la rekta predikativo en atribuaj propozicioj?* Ĝi *ne* akordiĝas kun la rekta objekto kaze kaj povas esti: a) *adjektivo* — Mi trovas *la veston multekosta,* b) *substantivo* — Maria opiniis *la viron botisto,* ktp.

35. *Kion vi scias pri la nerekta predikativo en atribuaj propozicioj?* Ĝi akordiĝas kaze kaj nombre kun la objekto — Oni nomumis *lin kiel instruiston.* Notu la *okazaĵojn kiel eksterordinarajn.*

Kiam ĝin enkondukas anstataŭ „kiel" la prepozicio „por": ĝi *ne* akordiĝas kun la objekto — Oni prenis la *deklaron por ŝerco.* Akceptu la *libron por donaco,* ktp.

36. *Kiaj estas la propozicioj laŭforme?* Ili estas: a) *indikaj,* per kiuj oni ion asertas, indikas — La suno brilas. Petro manĝis pomon. La infanoj ludos en la korto. Ankaŭ ŝi volonte ludus. ktp. Ili finiĝas per punkto; b) *deziraj,* per ili oni esprimas deziron — Ha, se mi estus sana! Se mi povus lin nomi mia amiko! Post ili sekvas krisigno; c) *ekkriaj,* per kiuj oni esprimas surprizono — Kia bela pluvarko! Terura okazaĵo! Ankaŭ tiujn ĉi finas krisigno; d) *ordonaj,* per kiuj oni ion ordonas. Oni povas ordoni per volitivo — Legu ankoraŭfoje! Ne diru tiujn sensencaĵojn! aŭ per infinitivo — Forpaŝi el la vojo! Ili finiĝas per krisigno.

La ordonan tonon oni *mildigas* per „bonvolu -i" — Bonvolu montri la langon, anstataŭ: Montru la langon!

Malpermeson oni esprimas per „ne" kaj volitivo aŭ infinitivo — Ne rompu la florojn! Ne ridi!; e) *demandaj,* per

kiuj oni demandas pri diversaj cirkonstancoj, pri diversaj aferoj — Kie vi estis? Kion vi havas en la poŝo? Ĉu vi jam forgesis? Ĉu pri tio mi vin instruis? Oni finas ilin per demandosigno.

La demandon oni povas *akcenti* per „nu“ aŭ „do“ — *Nu,* kial vi tion faris? Kie *do* ĝi estas?

37. *Kiel oni nomas la unuopajn propoziciojn de la frazo?* Oni nomas ilin *membroj.*

38. *Kion vi scias pri la apudmetitaj propozicioj?* Ili formas kompleksan frazon, kies membroj estas *samrangaj* — Arbaro aŭdas, kampo vidas. Oni nomas ilin *kunorditaj* propozicioj.

39. *Kion reprezentas la subordita propozicio?* Iun frazelementon de la ĉefpropozicio — Kiu mensogas, tiu devas havi bonan memoron (*la subjekton:* mensoganto = Mensoganto devas havi bonan memoron), ktp.

40. *Kiu el la frazmembroj estas la ĉefpropozicio?* Tiu, kiu esprimas plenan opinion, kiu do povas esti *memstara* — *Mi iris,* kien vi diris, ktp.

41. *Kion oni scias pri la subjekto en la kunorditaj propozicioj?* Oni *ne* devas ĝin ripeti, kiam ĝi estas en ili identa — *Li* falis, sed tuj ekstaris kaj rapide plu kuris, ktp.

42. *Kion oni scias pri la subjekto en la suborditaj propozicioj?* Ĝi estas ripetenda aŭ anstataŭigenda per persona pronomo — *Mi* diris, ke mi vin vokos. *La patro* ne diris, kiam *li* forvojaĝos, ktp.

43. *Kiomspecaj estas la kunorditaj propozicioj?* Ses-specaj: a) *kopulaj* — Iru for kun via hundo, *kiel ankaŭ* mi foriros kun la mia. Legu la poemon *kaj* ellernu ĝin! b) *alternativaj* — Voku la patron *aŭ* kuru al la patrino! c) *adversaj* — Li estas bona lernanto, *dum* lia frato malsukcesis ĉe la ekzameno, d) *konkludaj* — Li malsukcesis, *do* li devas ripeti la klason, e) *klarigaj* — Prifosu la ĝardenon, *ja* vi havas sufiĉe da tempo, f) *la rekta parolo* — Petro demandis: „Kie estas mia ĉapo?“

44. *Laŭ kiuj eksteraj signoj oni rekonas la unuopajn propoziciojn kunorditajn?* Laŭ la konjunkcioj ilin kunligantaj: a) *la kopulajn laŭ* — kaj, kiel ankaŭ cetere, ktp., b) *la alternativajn laŭ* — aŭ, aŭ pli ĝuste, ktp., c) *la adversajn laŭ* — dum, siavice, ktp., d) *la konkludajn laŭ* — do, sekve, ktp.. e) *la klarigajn laŭ* — ja, nome, tiom pli ke, ktp., f) *la rektan parolon* laŭ la citanta kaj citata propozicioj, t. e. laŭ dupunkto kaj citiloj.

45. *Kiomspecaj estas la suborditaj propozicioj?* Kvinspecaj: a) *subjektaj* — Kiu emas bati, tiu trovas bastonon, b) *objektaj* — Li asertas, ke la frato jam forveturis, c) *predikativaj* — Mia konvinko estas, ke ili estas tre malpacemaj homoj, d) *epitetaj* — Ŝi estas la virino, kun kiu mi vojaĝis al Bratislava, e) *adjektaj* — Li sidiĝas, *kien* li nur volas *(loka),* Mi foriros, *kiam* venos mia vico *(tempa),* Ĉar vi sukcesis ĉe la ekzameno, mi vin dungos *(kaŭza),* Vi faris vian taskon *tiamaniere,* ke vi ĝin kopiis vort-al-vorte de via najbaro *(maniera),* ktp.

46. *Kia estas la normala vortordo en la propozicio?* Ĝi estas la jena: *subjekto + predikato + objekto + adjekto.* Oni zorgu. ke ĉiu komplemento staru apud tiu frazelemento, al kiu ĝi senpere rilatas — do *la subjekto* ĉe la predikato, precipe se ĝi estas *persona pronomo.* Inter ili povas ja stari pronoma objekto — Mi *lin* atingis jam ĉe la arbaro, ktp. *Epitetoj* ordinare staras *antaŭ sia*

*kernovorto.* Sed se du epitetoj apartenas al sama kernovorto, la pli gravan oni metas post la kernovorton, same la pli longan — *fama* poeto *Esperanta.* Se du epitetoj estas ligitaj per „kaj“, oni metas ambaŭ post la kernovorton — Ŝi estis virino *ĵaluza kaj kverelema,* ks.

47. *Ĉu en Esperanto estas ankaŭ ligita vortordo?* Jes. Ĝin havas la vortoj: *ankaŭ, eĉ, ne, nur kaj mem.*

48. *Kion oni scias pri la vortoj „ankaŭ, „ne“, „nur“ kaj „eĉ“?* Ilia loko en la propozicio estas *ĉiam antaŭ la vorto, kiun ili senpere influas* — *Ne mi* sidis en la korto, sed... Mi *ne sidis* en la korto, sed... Mi sidis *ne en la korto,* sed en... aŭ *Ankaŭ mi* sidis en la korto, Mi *ankaŭ sidis* en la korto, Mi sidis *ankaŭ en la korto,* ktp.

49. *Kion oni scias pri la vorto „mem“?* Ĝi devas stari *ĉiam post tiu vorto,* kiun ĝi senpere rilatas — *Mi mem* tion faris. Tion faris *Petro mem,* ktp.

50. Kio estas sciinda pri la vortoj „ne *plu*“? Por „ne“ estas pli nature stari antaŭ la predikata verbo. „Plu“ staru prefere malantaŭ la predikata verbo aŭ antaŭ „ne“ — Mi plu ne *parolos,* aŭ Mi ne *parolos* plu.

51. *Kion oni scias pri „nenion plu“?* Ili devas stari *ĉiam kune* — Mi bezonas *nenion plu* aŭ *Nenion plu* mi bezonas, *sed ne:* Plu mi bezonas nenion.

52. *Kion oni scias pri la* predikata *„igis“?* Kiam ĝin komplementas objekto, kiu mem havas objekton, ĝin devas sekvi objekto + infinitivo + objekto de la objekto — Mi igis la knabon lerni la poemon, kaj ne: Mi igis lerni la knabon la poemon, ks.

53. *Kiu loko en la propozicio estas la plej akcenta?* Ĝi estas: a) *la komenco de la propozicio,* b) *la fino de la propozicio,* precipe por la unusilabaj vortoj.

54. *Kiel oni akcentas la unuopajn frazelementojn? Per antaŭmeto:* a) *la predikaton* — Kriegis la infano, sed la patrino ĝin jam ne aŭdis, b) *la predikativon* — Bela estis lia fratino, c) *la adjektojn* — En la korto ja ili ludis.

*La objekton,* kiam oni metas ĝin antaŭ la subjekton — Oran horloĝon mi aĉetis.

*Per postmeto la epiteton* — Li estis knabo tre malbona.

*La subjekton,* kiam oni faras el ĝi apartan propozicion — Estas mi, *kiu tion diris,* ktp.

55. *Kia devas esti la Esperanta stilo?* Laŭ Zamenhof: „La vera stilo Esperanta estas nek slava, nek germana, nek romana, ĝi estas — aŭ almenaŭ ĝi devas esti — nur *stilo simpla kaj logika.*“

*

*Studinda literaturo: Kompleta Gramatiko kaj Vortfarado de Esperanto* de Paul Fruictier. *La Tuta Esperanto* de Henrik Seppik. *Lingvaj Respondoj* de Dro L. L. Zamenhof. *Lingvo Stilo Formo* de K. Kalocsay. *Parnasa Gvidlibro* de K. Kalocsay kaj G. Wartinghien. *Plena Gramatiko de Esperanto* de K. Kalocsay kaj G. Waringhien. *Plena Vortaro de Esperanto* de E. Grosjean-Maupin. *Proverbaro Esperanta* de L. L. Zamenhof.

Legindaj estas krome la rubrikoj „Lingvo“ en revuoj „Literatura Mondo“ kaj „Lingvo Libro“.

*J. V. Dolinský:*

# Skribas la legantoj

Rilate al -ujo, -io, -lando (p. 44). mi konsentas, ke plej bone estas uzi nacian lingvon sur la koverto (aldonante — se oni volas — la Esperantan). Mi konsentas (vidu miajn artikolojn en The British Esperantist, kie mi plene pritraktis la demandon), ke ĉe kelkaj nemultaj landoj oni povas heziti, en kiun klason meti landnomon, kaj en dubaj okazoj devas decidi la landanoj mem. Sed pri la ĝenerala principo difinita de la Lingva Komitato ne povas esti dubo. Jes, povas okazi dubasenceco pri -ujo kiel arbnomo, ĉar pomujo povas signifi korbon aŭ arbon. Prefere mi evitus -ujo ĉe plant- kaj arbnomoj. Sed pri la signifo de *Anglujo* povas esti nenia ajn dubo.

La propono uzi indiferente -ujo aŭ -io ĉe landnomoj ne taŭgas, ĉar ĝi estas kondamnita de la Akademio, malrekomendita de Zamenhof, kaj kaŭzas ĥaoson. Ekzemple: ĉe Zamenhofa uzado estas facile vidi, ke *Bolivio* estas *lando,* en kiu loĝas Bolivianoj; kaj ke *Bulgarujo* estas lando, en kiu loĝas *Bulgaroj*. Sed dirante *Bulgario kaj Bolivio,* kiu povas diveni, ke en Bulgario loĝas ne Bolivoj, sed Bolivianoj. La Zamenhofa estas la sola, kiu estas klara, kaj logike defendebla.

*M. C. Butler,* Akademiano.

Respondo de J. V. D.

En la koncerna temo de mia Gramatika Ripetaĵaro mi citas Zamenhofon nur ĉe la formado de landonomo el nomo de urbo aŭ rivero kaj ne ĝenerale: „Neoficialaj estas: *io,* por formi la nomon de lando el urbo- aŭ rivernomo (Zamenhofa) kaj . . .“ Ĉu ne tiel instruas nin Zamenhof sur la 37-a paĝo de siaj Lingvaj Respondoj? — „Tiel same same ni neniam devas diri „Meksik*ujo*“*;* ni devus diri „Meksiko“, sed, por fari diferencon inter la urbo kaj la samnoma lando, mi konsilas . . . nomi la urbon „Meksik*o*“ kaj la landon „Meksik*io*“ (kiel Alĝero-Algerio, Tuniso-Tunisio k. t. p.))) Tia estas la Zamenhofa instruaĵo. Kaj se Via lando, Anglujo, estus ia-ajn-kaŭze alinomita laŭ Via ĉefurbo, ĝia Esperanta nomo ne estus — Londonujo, sed „Londonio“! Nur tiu ĉi formo estus konforma al la supra konsilo de Zamenhof.

Plue, mia devo instruista estas: montri al la lernanto ankaŭ la ne-zamenhofan flankon de la demando tiam pli, ke la uzado de „-io“, eĉ kontraŭ nia volo, rapide disvastiĝas kaj senindulge forpuŝas la oficialan „-ujo“. Ŝajnas, ke ni mejlopaŝe proksimiĝas al la tempo, kiam al „-ujo“ oni rezervos el ĝiaj tri sencoj fundamentaj nur tiun de vazo, skatolo, k. s.

Vi asertas, ke internacie oni diras „Meksiko“ por la lando kaj „Meksikurbo“ por la urbo. Nu, tia uzo de termino por urbo estas ege malbona. Ni allasu, ke la landonomo estas „Meksiko“ (samnome ĝin indikas, bedaŭrinde, ankaŭ la Jarlibroj de UEA, sed: Alĝerio!). Kion signifas tiam la sinteza formo de urbo-termino „Meksikurbo“? La analizo montras du eblojn: a) Meksiko-urbo, t. s. urbo, kiu estas Meksiko, sed Meksiko estas lando, sekve — urbo, kiu estas lando! (analogie laŭ: soldato-kamarado: kamarado-soldato), b) urbo de Meksiko, kiu estas ĉi-okaze: lando, do urbo de lando Meksiko, iu ajn urbo de lando!

## II.

Leginte la artikolon de Dolinský en la marta numero de via gazeto mi devas atentigi al vi pri kelkaj detaloj. Ne estas tiel, ke mi volus kritiki ekzemplojn de li notitajn, precipe pri uzo de *-ulo,* sed argumentado en la tuta artikolo estas tro amatora. Precipe en la dua parto. Unue, la divido de lingvoj en la nomitaj tri grupoj estas nur reminiscenco pri antikvaj kredoj — ĉina lingvo ne estas vere „unusilaba", kaj la divido inter aglutinaj kaj fleksiaj lingvoj ne estas science valora, ĉar ĝi baziĝas nur sur eksteraj koniloj, kiuj povas esti desekvo de tute diferencaj historiaj faktoroj.

Precipe, kiel argumento kontraŭ la formoj *ĉionpova, nenionfara* la aludo al historie evoluintaj lingvoj „aglutinaj" estas tute senvalora. La formoj mem estas je „aglutine" naskitaj: neni/o/n/far/a. Aliparte, hungara kaj finna lingvoj estas parencaj kaj apartenas al sama lingvogrupo, kiel ajn oni ĝin nomas. Sed se la hungara lingvo uzas vorton, kiu laŭ la „interna" lingvoformo similas al neniofara (mindenható), finna lingvo en similaj formoj prefere uzas la akuzativan formon:

tyhjä/n/toimitta/ja = nenio/n/far/anto
kansa/n/opetta/ja = popolo/n/instru/isto
kaivo/n/kaiva/ja = puto/n/fos/isto
venee/n/teki/jä = boato/n/far/isto, ktp.

kaj nur en kelkaj relative novaj, faritaj laŭ la modelo de aliaj lingvoj, ekz. en la 1500-aj jaroj, kiam la biblio estis tradukata finnen en tempo, kiam finna lingvoscienco kaj lingvoscio ne ekzistis, oni aplikis la nominativforman: kaikki/tietä/vä= ĉio/sci/anta anstataŭ kaike/n/tietä/vä, kiel devus esti laŭ la spirito de finna lingvo.

Kio koncernas la Esperantajn formojn „ĉiopova" ktp., ili estas lingve ĝustaj nur pro „interkonsento" kaj „kutimo". Por ilia preferindeco antaŭ formoj kiel „nenio/n/fara" ekzistas nenia teorie aŭ logike pravigebla motivo.

*Vilho Setälä.*

Respondo de J. V. D.

Unue, mi rekonas Viajn eksterordinarajn konojn pri la finna lingvo, ĉar Vi estas ja fakulto pri ĝi. Sekve Viaj konstatoj pri ĝia strukturo estas sen ia ajn dubo — ĝustaj.

Due, mi konstatas, ke Vi tro mispafis, konsiderante ES faka prilingva gazeto kaj mian artikolon fakula, verkita por lingvistoj kaj tial ekipenda per ekzaktaj argumentoj.

Trie, mi estas sur kampo lingvistika amatoro, kaj tion scias ankaŭ niaj redaktoroj. Cetere, kiu el la esperantistoj estas alterneje aprobita lingvisto Esperanta? Eĉ ne sinjoro Manders!

Kvare estas je indiferente ĉu la ĝustaj formoj (en la artikolo de mi alnajlitaj) baziĝas sur mia „tro amatora" argumentado aŭ sur ia „interkonsento" kaj „kutimo". Ĉefe, ke en la artikolo mi instruas korekte. Cetere — kutimo estas leĝoforta, do kia kritiko kontraŭ ĝi?!

Kvine, mi konstatas, ke Viaj finnlingvaj ekzemploj ne estas samspecaj kun tiuj

en la artikolo. Ne temas nome pri la formo: nenio/n/far/ant/o aŭ popolo/n/instru/ist/o, do pri kunmeto de *neŭtra pronomo* kun *aktiva participo* aŭ *du substantivoj* — sed temas pri kunmeto de *neŭtra pronomo kun verbo-adjektivo!* Sed je momento ni flanken metu la problemon!

Estante junulo-studanto, mi kantis foje ĥore finnajn popolkantojn, el kiuj la pli melodia restis ĝis nun en mia memoro. Ĝi estas la „Mine sejson korkiela vuorela...“ (pardonu min se eble mia finna ortografio estas fuŝa!). ,

Mi estas Slovako, kiu frekventis kaj finis hungarajn mez- kaj faklernejon. Tie oni min instruis, ke la finna kaj hungara lingvoj estas — parencaj. Eklernonte la melodion de la supreindikita finna kanto, mi serĉis avide inter la du lingvoj: vortaran parencecon, sed trovi ĝin en la kantotaj finnaj popolkantoj — Dio pardonu miajn pekojn! — mi ne sukcesis. Nun Via letero min plu instruas, ke inter la finna kaj hungara lingvoj same ŝancela estas ankaŭ la struktura parenceco...

Viaflanke estas ankoraŭ sciinde, ke kritikante min, Vi propre kritikas multe pli eminentajn esperantistojn (Kalocsay kaj Waringhien) ol estas ni simplaj mortemuloj Esperantaj. Nenion novan aŭ plian mi aldonis al ilia normokonstato.

Nun ni reiru al Viaj ekzemploj. Mi tradukos ilin en la hungaran, kaj montros la diferencon inter la du „parencaj“ lingvoj ĉi-koncerne.

a) *tyhjä/n/ toimitta/ja*
— *nenio/n/far/ant/o*,
semmi/t/tevő
— nenio/n/far-a, eĉ -ant/o,
b) *kansa/n/kaiva/ja*
— *popolo/n/instru/ist/o,*
nép/et/tanító
— popolon instruanta, -anto,

c) *kaivo/n/kaiva/ja*
kut/at/ásó
— *puto/n/fos/ist/o,*
— puton fosanta, -anto,
d) *venee/n/teki/ja*“
— *boato/n/far/ist/o,*
csónak/ot/csinálo
— boaton farant-a, -o.

Kiel oni vidas, la hungara traduko, escepte la unuan ekzemplon, konsistas el du apartaj vortoj. El la interkrampaj literoj „t“ estas akuzativa finaĵo hungara, kaj la antaŭ ĝi troviĝanta vokalo nur estas intermetita pro pli facila prononco. Se el la koncernaj vortoj oni faras kunmetaĵon, ne nur perdiĝos la akuzativa finaĵo, sed ankaŭ modifiĝos iom la vortosenco. La ĉefelemento ne estos plu -anto, sed *-isto*. Do

b) néptanító — popolinstruisto,
c) kútásó — putfosisto kaj
d) csónakcsináló — boatfaristo.

En la a-ekzemplo eĉ ĉe kunmeto devas resti, por eviti miskomprenon, la akuzativa finaĵo:

1. semmit*tevő* — nenion faranta kaj,
2. semmi*tevő* — nenion manĝanta.

## Bonhumoro

(originala, de Eliz)

MEMKOMPRENEBLA AFERO!

Avineto: — Rigardu, Anjo... anseretoj! Vi certe ne havas anseretojn en la urbego, ĉu!?

Nepineto: — Sed tamen!

Avineto: — Mi ne scias kie!?

Nepineto: — En la menaĝerio!

SVATADO.

Junulo: — Bonvolu, mi petas, doni al mi la manon de via filino...

Patro: — Aŭskultu, karulo... tion mi ne povas. Sed se vi ne malaperos tuj, mi proponos al vi la mian!...

POR GRACILA LINIO.

Ŝi: — Mi devas nepre maldikiĝi. Ekde morgaŭ mi trinkos nur duonglaseton da lakto je matenmanĝo.

Li (la sekvantan matenon): — Ho, teruro, kion vi trinkas, karulino?

Ŝi: — Nu, kremon. Kial vi miras?

Li: — Vi tamen diris, ke ekde hodiaŭ vi trinkos nur duonglaseton da lakto je matenmanĝo!?

Ŝi: — Mi eltrinkis ja nur kvaronlitreton da kremo!

MALFACILA PROBLÉMO.

Kiel knabeto mi lernis katekismon. Subite mi ekploris. Mia onklino min demandis: — Kial vi ploras, etulo?

Mi respondis ĝemplore: — Mi ne volas fariĝi virino! Ĉar tie estas skribite: „La virino en doloroj naskados filojn!"

PRINTEMPA RAVITECO.

Ŝi: — Ho, karulo, ĉu vi vidas la belegajn kolorojn de la naturo? Precipe tiun de la plej proksima plugaĵo? Ĝi estas bruna, intense bruna, freŝa, sukoza. Mi estas tute ravita, vidante tian koloron!

Li: — Jes, kontraŭ la najbara intense verda herbejo ĝi aspektas kvazaŭ violeta!

Ŝi: — Jes, vi pravas, preskaŭ violeta! Kiel ĝi plaĉas al vi?

Li: — Belega ĝi estas.

Ŝi: — Do, mi volas havi ĉi-koloran kostumon — prizorgu la monon!

EL LERNEJA SAĜECO.

Lerneja inspektoro:

— Joĉjo, kiu estas la plej utila hejma besto?

Joĉjo silentas.

I.: — Sen kiu ni ne havus lakton?

J.: Daŭre silentas.

I.: Nu, sen kiu vi ne povus trinki vian ĉiumatenan kafeton!

J.: — Ho jes, la panjo!

# Enhavo

# Ni skibu ĝuste la nomojn kaj adresojn!

En la 9-a numero de Esperantisto Slovaka sur pĝ. 124 mi legas rusan nomon *Cholopovov*. Ankaŭ en la 8-a lumero sur pĝ. 96 estas skribite *Petluchin*. Mi opinias, ke ne estas ĝuste tiamaniere reskribi nomojn el lingvo kiu ne uzas latinan alfabeton.

Ĉiu nacio reskribas tiajn nomojn alimaniere sed ĉiam proksimume laŭ prononcado en sia propra lingvo. Ekz. ni skribas slovake kaj ĉeĥe*Charkov, Ždanov, Žaškov, Kolyma, Irtyš* ktp., sed okcidentanoj skribas *Kharkov, Shdanov, Shashkov, Kolima Irtish.* Tial ni esperantistoj devas en Esperantaj tekstoj skribi *Ĥolopovov, Petluĥin, Ĥarkov, Ĵdanov, Ĵaŝkov, Kolima Irtiŝ* ktp., ĉar se ni intermiksus literojn laŭ iu nacia lingvo, povus okazi miskompreno. Tamen ne estas necese iri tiom ekstremen kiel Kalocsay, kiu skribas Anjegin anst. Onegin. aŭ Onjegin.

Ankaŭ mi vidis en rubriko de korespnd-anoncoj, ke iuj bulgaraj samideanoj skribas franceme ekz. *Bourgas* anst. *Burgas* aŭ ŝatas skribi la nomfinaĵon *-ov* kiel *-off,* kion mi konsideras malĝusta ĉe esperantistoj.

Se ni slovakaj kaj ĉeĥaj samideanoj skribos *ch* anst. *ĥ,* ni devas ne forgesi, ke alilingvaj samideanoj legos tiajn vorton malĝuste ĉar *ch* estas ofte legata *ĉ* au *ŝ*.

Kelkfoje mi ankaŭ rimarkis, ekz. en la 5a leciono de kurso de Esperanto-korespondado, en recenzo pri stenografio, ke vi ne ĝuste skribas adresojn. La maniero de adreso-skribado ja estas nun internacie normigita kaj oni devas ĉiam indiki la stratonomon kaj domnumeron antaŭ la urbnomo, do ekz.: Adolf Staňura, Táborská 42, Ostrava-Radvanice. *A. St.*

Kion oni volas propre diri per la propozicioj „La teatraĵo komencas“ kaj „La koncerto finas“? Nenion alian ol, ke la prezentata teatraĵo troviĝas en sia komenca fazo kaj la koncerto antaŭ sia fino. La samajn ideojn oni povus esprimi ankaŭ jene: La teatraĵo *sin komencas* kaj La koncerto *sin finas*. Sed ĉar la transitivaj verboj kun refleksiva „sin“ signifas agon intencan, konscie volitan, kion povas fari nur persono aŭ inteligenta besto, kaj teatraĵo samkiel koncerto estas nek unu nek la alia, oni devas anstataŭigi tiujn ĉi formojn per formoj, kiuj signifas agon de subjekto nekonscie faratan, ĉe iuj verboj eĉ nur suferatan. Tiaj verboj nomiĝas — verboj medialaj kaj oni formas ilin per *-iĝ-* el verboj transitivaj. Do la malĝustaj formoj: „La teatraĵo komencas“ kaj „La koncerto finas“ samkiel „teatraĵo sin komencas kaj „La koncerto sin finas“ estas ŝanĝendaj je: *„La teatraĵo komenciĝas“* kaj *„La koncerto finiĝas“*. Sole tiu ĉi formo de la propozicioj estas ĝusta.

Ĉe la medialaj verboj la subjekto samtempe funkcias kiel rekta objekto, sekve la iĝi-verboj ne toleras alian objekton, alivorte — *la medialaj verboj estas netransitivaj.*

Verba transitiveco aŭ netransitiveco estas interna verbo-eco, kiu, escepte la medialajn verbojn, laŭekstere neniel estas konstatebla. Ĝia graveco ĉe korekta lingvo-uzo estas nekontestebla.

Zamenhof en la Universala Vortaro, aldonita al la Fundamento de Esperanto, neniel markis tiun ĉi karakteron de la verboj, ĉar li versimile opiniis ĝin de ĉiu lingvo-uzanto se ne sciata, do almenaŭ subkonscie sentata. Sen scio aŭ sento de tiu ĉi verbo-eco oni ne povas korekte uzi la lingvon. Ĉar neglektante ĝin oni ĉiupaŝe faras erarojn ne nur en la korekta uzado de akuzativo, sed ankaŭ ĉe la vortfarado.

Nia plej ampleksa kaj perskaŭ aŭtoritate uzata vortaro — la Piena Vortaro de Espernto, alinome SAT-vortaro — markas tiun ĉi karakteron ĉe ĉiu verbo. *Sekve ĝia uzanto paŝas koncerne ilian korektan uzadon sur grundo firma, sekura.*

# Anoncetoj

Klarigon de mallongigoj vidu sur pĝ. 135!

Kiu posedas ekzempleron de „Scienca Revuo“ vol. I., n-ro 3., bonvolu sendi al: Zdz. Glajcar, Str. Chwiałkowskiego 27/3, Poznań-5, Pollando. Rekompenco laŭ interkonsento.

Salutojn el Varsovio al la legantoj de E. S. sendas la partoprenintoj de Landa Esperantista Kunveno, la 2-an de dec. 1951 (inter ili Wanda Zamenhof).

Salutojn el Bratislava al la legantoj de E. S. sendis la partoprenintoj de Zamenhofa memorfesto la 12-an de dec. 1951.

Korespondi deziras:

*Ĉeĥoslovakio* — V. Trojan 21-ja ministo, ŽACLÉŘ 53 (ĉefe kun laboristoj pri ĉ. t.). — Aleš Straka, 47-ja. PÍSEK, postrestante, kun s-inoj (vidvinoj) el ĈSR. — Jaroslav Pokorný, 18-ja. studento Riegrova 299, ŠVERMOV-1 u Kladna kaj iŝ. pm. kun eksterlandaj kaj slov. samidean (in) oj. —D-ro Milan Pohl, MĚŘÍN 234 u Velkého Meziříčí (kaj iŝ. pm, fotojn). — Cyril Perko, stud., HARICHOVCE (okr. Sp. N. Ves), kun 13—17ja-j. s-anoj. — Lad. Královec, Kleisslova 1, PLZEŇ-IV (pri div.

t. krom sporto, iŝ. il. pk, pm.). — Jan Hadámek, lernejdir. JAKARTOVICE, okr. Opava, iŝ il. pk., flug-pm. kaj alumet-etikedojn. — D-ro Ĉeslav Gojný, Skorkovského 132, BRNO-15, pri popolkostumoj kaj -manieroj, iŝ. p m. — Miroslav Drápal, Blanická 1, OLOMOUC-2, iŝ. kaj E-glumarkojn. — Oldřich Schwetter, 25-ja. estonta instr. Bratislavská 5, BŘECLAV, pri naciaj kutimoj, kantoj kaj dancoj, korpedukado, regiona geografio, aktualaĵoj kaj ĉiutaga vivo. — 12 gekursanoj se O. Schwetter (adr. supre) 12—15ja-j kun samaĝuloj. — K. Herčík, Marxova 31, ML. Boleslav (por lerneja E-rondeto). — Karel Fabián, Komenského 22, OLOMOUC (por E. junularo kun samaj grupoj). — Libuše Pivoňková, Tyršova 12, OLOMOUC-7., (por 40 gelernantoj 13—15 ja.).

*Ĉinio:* C. C. Cheng, filatelisto, Chunking Road 187, Tientsin.

*Bulgario:* Cvetko Raŝev Ivanov, Dom za unoŝi „Teofano Popova" STARA ZAGORA. — Ganĉo Gordanov, Sello Topĉii 142, RAZGRAD. — Marin Marinov, M. VARŜEC, Sevlievko. — Ivan St. Petrov (puten maistor), DOLNO EZEROVO, Burgasko. — Ramis S. Jasanov, „Varŝava"-3, ASENOVGRAD. — *EL BURGAS:* Ratail Nikolov Mojseev, Str. Ivajlo 29. — Kostadin Geĉev Kostaelinov, Str. P. Ittimij 73. — Janĉo Ĥristov, Drin 24. — Pavel Dimitrov Paspalev Str. Cl. Ochridski 82. — Stojan Velicov Georgiev, Str. Samoil 123. — Vladimir Stanev, Str. Ŝejnovo" 61. — Stojan K. Petkov, Ul Fotinov 38. — Todor Stojanov Keĥajov, Str. Patriarh Evtimij 121. — Stojĉo N. Stojĉev, Str. Ivajlo 117. — Neli Ivanova, Str. Aleksandrovska 76. — Stephan Dimitrov, Ul. Moskva 67. — Todor G. Kanev, Str. Troian 94. — Dinko K. Pavlov, Ul. Car Samoil 61. — Pavel Kostov Argirov, Str. Patriarh Evtimij 23. — Aleksandro Atanasov, Str. Gladstone 79. — Emil Kirov, Str. Boulair 6. — Asen Varbanov, Str. Ivajlo 55.

*Hungario:* Laczkó Andor, Temesvári út 18, ESZTERGOM-TÁBOR iŝ pm., il. pk., espaĵojn.

*Japanio:* Eisaku Terabajaŝi, 19-ja stud. 4297 Geĵoo, Kosugi-machi, Tojama-ken, pri ĉ. t. — Toshija Ogata, 20-ja. ĉe Gifu Nacia Sanatorio, Ooi-ĉo, Ena-gun, Gifu-ken. — Shirai Shoichi 25-ja., Ginza Shobo, Ginza, BEPPU, Oita. — Toyoko Tsutsumi, 1—53 Sansôdôri, HUKUOKA (por esperantistinoj de la Hukuoka Centra Supera Duagrada Lernejo). — Fusakiĉi Furune, Esperanta Klubo, Gifu Nacia Sanatorio, Ooi-ĉo, Ena-gun, Gifu-ken, pri politiko kaj laborista movado. — Kenĵi Okuda, 21-ja studento. Nacia Sanatorio, TAKAYOMA-SOO, Yamaguĉi, Takayama Gifu, pri politiko kaj lerneja vivo. — Teruo Nakasuĵi, Mits-tyo, Ibo-gun, Hyogo-ken (laŭ komisio de urbestro iŝ mesaĝojn de ĉiaj kulturaj kampoj, iŝ. ilustraĵojn kaj esp-aĵojn.

*Norvegio:* Otto M-K Pay, Jacob Aallsgate 10, OSLO, pri literaturo, muziko, floroj, fotografado, ekskursoj, interpopola rilato.

*Pollando:* Denkowski Frano, Str. Zielona 3, JANOW k. Katowic. — Zygmunt Sokół, Bielowizna 60a, ZABKOWICE k Sosnowca.—Jan Zawada, Szkola Zawodowa, PRZYSUCHA, pow. Radom. — Władysław Dańda, CICHE k. Czarnego Dunajca, pow. Nowy Targ. —

*Svedujo:* J. H. Berglin, Box 75, LAHOLM. — Ivar Kjellström, Postfako 3003, KARLSBORG.